2me Année, N° 20.
Avril 1904.

2a Jaro, 20a Numero.
Aprilo 1904.

2e Jaar, Nr 20.
April 1904.




JOURNAL ESPÉRANTISTE BELGE MENSUEL.

BELGISCH ESPERANTISCH MAANDSCHRIFT.

**PRIX DE L'ABONNEMENT ANNUEL :**
2.50 fr. pour la Belgique ;
3.00 fr. pour l'étranger.
5.00 fr. (minimum) : abonnement de protecteur.

**KOSTO DE LA JARA ABONO :**
2.50 fr. en Belgujo ;
3.00 fr. en eksterbelgaj landoj.
5.00 fr. (almenaŭ) : protektanta abonanto.

**JAARLIJKSCHE INSCHRIJVINGSPRIJS :**
2.50 fr. voor België ;
3.00 fr. voor den vreemde.
5.00 fr. (ten minste) : inschrijving als beschermer.

**Un numéro : 0.25 fr.** | **Unu numero : 0.25 fr.** | **Het nummer : 0.25 fr.**

Ĉefredaktoro — Rédacteur en chef — Hoofdopsteller : Jos. JAMIN, 55, rue des Drapiers, Bruxelles.
Cenzuristo — Censeur — Keurder : LUCIEN BLANJEAN, 83, rue du Collège, Ixelles-Bruxelles.
Abonoj — Abonnements — Inschrijvingen : M. SEYNAEVE, 3, rue de l'Avenir, Courtrai.
Presisto — Imprimeur — Drukker : A.-J. WITTERYCK-DELPLACE, 4, Nouvelle Promenade, Bruges.

La personoj, kiuj sendos al ni almenaŭ sumon da kvin frankoj, estos enskribitaj kiel protektantaj abonantoj kaj ilia nomo estos presita en ia proksima numero.
Nia ĵurnala jaro komenciĝas la 15an de Septembro. Se oni abonas post tiu-ĉi dato, oni ricevas la jam elirintajn numerojn.

Les personnes qui nous enverront au moins la somme de cinq francs seront inscrites comme abonnés protecteurs et leur nom paraîtra dans un prochain numéro.
L'année de notre Journal commence le 15 Septembre. Si l'on s'abonne après cette date, on reçoit les numéros déjà parus.

*De personen die ons ten minste de som van vijf franken toezenden zullen opgeteekend worden als inschrijvers-beschermers en hun naam zal in een aanstaande nummer gedrukt worden.*
*De jaargang van ons Blad begint met 15n September. Indien men zich na dien datum laat inschrijven, ontvangt men de reeds verschenen nummers.*

## ENHAVO.



## SOMMAIRE.



## INHOUD.



A.-J. WITTERYCK-DELPLACE.

IMPRIMEUR-ÉDITEUR
BRUGES, NOUVELLE PROMENADE, 4.

DRUKKER-UITGEVER
BRUGGE, NIEUWE WANDELING, 4.

## JOURNAUX ESPÉRANTISTES — ESPERANTISCHE BLADEN.

**Lingvo Internacia**, fr. 4.00 par an (*4.00 fr. 's jaars*). Mr Paul de Lengyel à Szekszârd, Hongrie.

**L'Espérantiste**, revue officielle de la Société française pour la propagation de l'Esperanto, 20 pages (format 15 × 20) de texte Esperanto-Français, 8 pages de couverture, correspondance internationale en Esperanto gratuite pour les abonnés. 3.50 fr. par an (*3.50 fr. 's jaars*) 4.00 francs avec inscription à la Société (*4.00 fr. met aanneming in de Maatschappij.*) Administration de l'Espérantiste à Louviers (Eure) France.

**Societo por Internaciaj Rilatoj** (S. I. R.), fr. 3.00 par an (*3.00 fr. 's jaars*); avec l'organe de la Société (*met het orgaan der Maatschappij*) « **Lingvo Internacia** » fr. 6.00 par an (*6.00 fr. 's jaars*) Mr Paul Fruictier, 27, boulevard Arago, Paris.

**Literatura Biblioteko de Lingvo Internacia**, fr. 2.50 par an (*2.50 fr. 's jaars*) Mr Paul de Lengyel à Szekszârd, Hongrie.

**Rondiranto**, fr. 4.00 par an (*4.00 fr. 's jaars*) Mr G. P. Oreŝkov, Plovdiv, Bulgarie & L. Cogen, 61 rue des Rémouleurs, Gand.

**La Holanda Pioniro**, fr. 3.00 par an (*3.00 fr. 's jaars*) Mr Dreves Uitterdijk, Hilversum, Holland.

**Bohema Esperantisto**, fr. 3.50 par an (*3.50 fr. 's jaars*) Mr Ĉejka, Th. Bystrice-Hostyn, Moravie-Autriche.

**L'Esperantista**, fr. 4.00 par an (*4.00 fr. 's jaars*) Grafo Albert Gallois, Riolunato, prov. de Modena, Italie.

**La Svisa Espero**, fr. 2.50 par an (*2.50 fr. 's jaars*) Mr Th. Renard, 6, rue du Vieux Collège, Genève, Suisse.

**Antaŭen Esperantistoj**! 0,150 Livroj = fr. 3,00 par an (*3,00 fr. 's jaars*) Mr Ant. Alvarado, str. Lartiga nº 106a Lima, Pérou.

**Ĉilio Esperantista**, gratuit au Chili (*kosteloos in Chilië*) Mr Luis E. Sepulveda Cuadra, cas. 1989, Santiago, Chili.

**La Suno Hispana**, fr. 3.00 par an (*3.00 fr. 's jaars*) Mr Aug. Jimenez Loira 5, Corona, Valencia, Espagne.

**The Esperantist**, fr. 4.00 par an (*4.00 fr. 's jaars*), Mr H. Bolingbroke Mudie, 41, Outer Temple, W. C. London, England & M. Seynaeve, 3, rue de l'Avenir, Courtrai. Un numero : 40 Cmes.

**La Juna Esperantisto**, 2.00 fr. par an (*2.00 fr. 's jaars*). Mr H. Hodler, 9 avenue des Vollandes, Genève, Suisse.

**Internacia Scienca Revuo**, fr. 7.00 par an (*7.00 fr. 's jaars*), Hachette & Cie, 79, Bd St Germain, Paris.

**Espero Katolika**, fr. 2.50 par an (*2.50 fr. 's jaars*), M. Barbot-Berruer, 72, rue des Halles, Tours (France) & M. Mattelaer, 3, place de l'Université, Louvain.

**Esperantistische Mitteilungen**, fr. 2.00 par an (*2.00 fr. 's jaars*). M. Borel, Prinzenstrasse, 95, Berlin.

**Revuo Internacia de Stenografio**, fr. 3.00 par an (*3.00 fr. 's jaars*). Dreves Uitterdijk, Tulpstraat, 74, Hilversum (Holland).

**Revuo Universala**, fr. 4.00 par an (*4.00 fr. 's jaars*), M. Emile Gasse, 71, rue Michelet, Le Havre (France).

**La Meksika Lumturo**, fr. 3,00 par an (*3,00 fr. 's jaars*), Dro A. Vargas, Santa Rosa Necoxtla (Ver.) Mexique.

---

## *Adresaro de Komercistoj*

**akceptantaj uzadon de Esperanto.**

*eltirita de la gazeto* « Lingvo Internacia »

Avizo. Nur la unua enpreso en « Lingvo Internacia » estas senpaga, ĉiu nova enpreso kostas kvindek centimojn, dekdu presoj = kvin frankojn ; — por ĝiaj abonantoj : dekdu presoj du frankojn.

87. **Antwerpen** (Belg.) 25 rue du Jardin. — *A. Cassier-Dufraing.* Pipoj kaj ĉiaspecaj komercajoj por fumantoj. Cigaredoj « *Esperanta Stelo* »

88. **Paris**, 9 rue de Lyon. — *E. Lefèvre*, restoraciisto. Tagmanĝoj kaj vespermanĝoj de 1 f. 25 ĝis 3 f. aŭ laŭkarte.

89. **Bruxelles**, 15 rue St Gudule. — *L' Intermédiaire de la Presse* detranĉas artikolojn el ĉiuj gazetoj kaj tradukas ilin en Esperanton se oni deziras.

90. **Haverfordwest** (Wales, Angl.) — *G. Llewellin & F.* Fabriko de buteriloj, kaj maŝinoj aŭ iloj por laktejoj.

91. **Glasgow** (Skotl.) 2, 5, & 11 Dunlop St. — *W. & R. Holmes*, libroj, paperaĵoj pogrande.

92. **Glasgow**, 24 George Square, (Skotlando). — *John Mitchell & Ko.* Aĉetisto de anglaj ŝtofoj por ŝipado al eksterlando.

93. **Thun**, (Bern) Svisl. — *Oscar Hopf*, libristo-eldonisto. Esperantaj libroj.

94. **Courtrai**, (Belgl.) 10 rue des Grandes Halles. — *Firmo de Brabandere-Feys*. Puntoj » Valencienaj « kaj » Torŝanaj «.

95. **Bordeaux**, (Francl.) 95 Cours Victor Hugo. — *Brunet*, mekanikisto, kudromaŝinoj (stebiloj) » White « kaj aliaj. Bicikletoj » Georges Richard « kaj aliaj. Riparoj, akcesoraĵoj, k. t. p. — Petu la prezarojn.

96. **Amiens**, (Francl.) 8 rue de la République. — *Poiré-Choquet*, libristo-eldonisto. Esp. libroj

97. **La Rochelle**, (Francl.) rue St.-Yon. — *Firmo David-Debrousse*, librejo de lernejoj. Esp. libroj.

(daŭrigota).

2me Année, N° 20. Avril 1904. — 2a Jaro, 20a Numero. Aprilo 1904. — 2e Jaar, Nr 20. April 1904.




GAZETO ESPERANTISTA ELIRANTA ĈIUMONATE EN BELGUJO.

JOURNAL ESPÉRANTISTE BELGE MENSUEL. — BELGISCH ESPERANTISCH MAANDSCHRIFT.

| PRIX DE L'ABONNEMENT ANNUEL : | KOSTO DE LA JARA ABONO : | JAARLIJKSCHE INSCHRIJVINGSPRIJS : |
|---|---|---|
| 2.50 fr. pour la Belgique ; | 2.50 fr. en Belgujo ; | 2.50 fr. voor België ; |
| 3.00 fr. pour l'étranger. | 3.00 fr. en eksterbelgaj landoj. | 3.00 fr. voor den vreemde. |
| 5.00 fr. (minimum) : abonnement de protecteur. | 5.00 fr. (almenaŭ) : protektanta abonanto. | 5.00 fr. (ten minste) : inschrijving als beschermer. |
| **Un numéro : 0.25 fr.** | **Unu numero : 0.25 fr.** | **Het nummer : 0.25 fr.** |

Ĉefredaktoro — Rédacteur en chef — Hoofdopsteller : Jos. JAMIN, 55, rue des Drapiers, Bruxelles.
Cenzuristo — Censeur — Keurder : Lucien BLANJEAN, 83, rue du Collège, Ixelles-Bruxelles.
Abonoj — Abonnements — Inschrijvingen : M. SEYNAEVE, 3, rue de l'Avenir, Courtrai.
Presisto — Imprimeur — Drukker : A.-J. WITTERYCK-DELPLACE, 4, Nouvelle Promenade, Bruges.

## El Port-Artur.

Nia amiko, Sro Kazi-Girej, sendis al nia ĉefredaktoro la sekvantan leteron. Nia Rusa samideano loĝas nun en Port-Artur, kaj sciigoj alvenintaj rekte el tiu urbo tiel bone konata pro milito, prezentos certe gravan intereson por ĉiuj legantoj niaj.

Port-Artur, 13/26an de Februaro 1904.

*Kara Frato,*

Mi loĝas nun en Port-Artur kaj restos tie-ĉi dume la tuta milito. Mi servas en « Ruĝa Kruco ».

En liberaj momentoj mi skribas notojn pri ĉio, kion mi vidas mem, aŭdas kaj rimarkadas ; mi skribas miajn notojn en formo de tagnotaro rekte en Esperanto, por uzi ĝin poste por la presado en unu el niaj Esperantaj ĵurnaloj, aŭ en aparta libreto.

Mi ne skribas historion de la milito, sed simple vereman rakonton de tio, kion mi mem vidis kaj aŭdis per miaj propraj okuloj kaj oreloj.

Kompreneble, mia tagnotaro estos presita nur en tia okazo, se mi mem restos viva ; tion ĉi oni devas uepre aldoni, ĉar neniu estas tie-ĉi garantiita kontraŭ subita morto ; la Japanaj bomboj preskaŭ ĉiutage flugadas tra la tuta urbo, eksplodiĝas kaj disĵetadas siajn mortportantajn pecetojn ĉiuflanke. Mi parolas nur pri Japanaj bomboj, ĉar mi ne vidas, kion faras niaj Rusaj bomboj ; mi nur aŭdas la tondregajn sonojn de niaj pafilegoj, sendantaj siajn bombojn en malamikajn ŝipojn.

Kvankam mi diris, ke neniu tie-ĉi estas garantiita kontraŭ la antaŭtempa morto, tamen pro la vero mi devas diri, ke ĝis nun, gloron al Dio, tre malmulte da malfeliĉoj alportis al ni la malamika bombardado :

en urbo nenia domo estas disbatita aŭ detruita ; nur en du domoj estis elbatitaj la vitroj el fenestroj, sed la sekvantan tagon ili estis ĉiuj anstataŭitaj per la novaj. El homoj estis mortigitaj ĝis nun de la komenco de milito, sur la stratoj, kvar aŭ kvin privataj personoj. Hieraŭ estis mortigita per la peceto de bombo unu simpla laboristo-Ĥino, kiu staris sur la placo, kiam Japana bombo falis kaj eksplodiĝis apud li.

Observante similajn okazojn, kontraŭvole mi sentas en la koro kaj kapo la demandon : *al kiu* estas bezona la milito ?

Nenia respondo, vera homema respondo...

Tri tagoj antaŭ la komenco de la milito mi skribis por « La Belga Sonorilo » artikolon en formo de fantazia revo ; mi ĵuste traktis en tiu-ĉi artikolo la demandon pri la neceseco de militoj inter popoloj ; mi traktis tiun-ĉi demandon ne de la vidpunkto de nacieco, sed de la vidpunkto de tuta *homaro* ; por esti pli senpartia, mi min levis en mia revo altege super la tera globo, kiun mi ĉirkaŭflugadis kaj observadis per la okuloj de prudenta ekzistaĵo, apartenanta al *nenia* nacio, nek al la tero mem.

Ho, kiom stranga ekŝajnis al mi tiam la tuta aranĝado de *politika* vivo de l' homaro ; kiom da malutila, malbona superfluaĵo mi ekvidis tiam en la vivo de popoloj... Nur unu konsolantan vidaĵon mi rimarkis sur la tero ; mi rimarkis en diversaj punktoj de l' tera globo brilantajn kvinpintajn steletojn, ĉirkaŭ kiuj staris la homoj de plej diversaj nacioj, homoj liberaj de la internacia malamikeco ; ili proponas al homaro belan artefaritan neŭtralan lingvon, kiu devas fariĝi la *dua* lingvo de ĉiu tera homo. La kvanto de kvinpintaj steloj sur la tero ĉiam kreskas, kaj la dividita diverslingva homaro komencas ĉiam pli kaj pli atente aŭskulti la belan himnon de Esperantanoj, ĉar la homoj, starantaj sub la standardoj kun kvinpinta stelo, nomas la proponatan neŭtralan lingvon « *ESPERANTO* ».

Pripensante la vidaĵon, mi komprenis, ke la feliĉo tiam venos sur la tero, kiam la tuta homaro bonvole prenos Esperanton kiel duan lingvon, kaj anstataŭos per ĝi *nunajn*, *devajn*, *duajn* lingvojn, en kiuj *devas* vole-nevole paroli ĉiu el diversnaciaj popoloj, eniranta en la limoj de unu sama regno...

Bedaŭrinde, pro la komencita milito, mi perdis mian kontraŭmilitan artikolon, kaj tial ne povas ĝin sendi al Vi por « La Belga Sonorilo ». Mi petas Vian pardonon, kaj sendas al Vi tiun-ĉi leteron, kiun Vi povos, se Vi deziras, presi en Via ĵurnalo ; se Vi uzos ĝin por tiu-ĉi celo, mi estos tre kontenta.

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

Mi premas Viajn manojn kaj salutas ĉiujn niajn amikojn ; ni deziru, ke tiu-ĉi milito finiĝu plej baldaŭ !

Via kore sindona

NIKOLAJ KAZI-GIREJ.

## Ĥina superstiĉo.

*Noto de la redakcio.* La Ĥina kalendaro, uzita en Ekstrema-Oriento kalkulas dekdu monatojn. Iafoje, laŭ precizaj reguloj, ia monato duobliĝas, tiam estas superjaro (France : année bissextile, Flandre : schrikkeljaar, Germane : Schaltjahr, Angle : leap-year.)

La nomojn de la monatoj elparolu Esperante : 1a Ĉeng-jue, 2a Ul-jue, 3a San-jue, 4a Sze-jue, 5a U-jue, 6a Leu-jue, 7a Ĉi-jue, 8a Pa-jue, 9a Kieu-jue, 10a Ŝe-jue, 11a Ŝe-ji-jue, 12a La-jue. (Franca elparolo : Tcheng-yué, Eul-yué, San-yué, Szé-yué, Ou-yué, Léou-yué, Tchi-yué, Pa-yué, Kiéou-yué. Che-yué, Che-yi-yué, La-yué.)

La unua Ĉeng-jue de la 40a jaro komenciĝis la 29an de Januaro 1903a laŭ Gregoria stilo aŭ la 16an de Januaro 1903a laŭ Juliana stilo.

La 40a Ĥina superjaro kalkulis du kvinajn monatojn: U-jue Ia kiu komenciĝis la 14-27an de majo, kaj U-jue IIa kiu komenciĝis la 12-25an de Junio. Kiel rimarkos la legantoj, la Ĥina profetaĵo malfeliĉe efektiviĝis.

---

La Ĥinoj en Manĝurujo atendas en 1903 nepran militon. La nebula vintro de la pasinta jaro, diras ili, antaŭmontras, krom granda epidemio, multnombran mortadon de la loĝantaro de Manĝurujo, kio povas fariĝi de milito.

Krom tio, malbona antaŭsciigo sin prezentas, ĉar en la nuna superjaro troviĝas du « U-jue », t. e. du kvinaj monatoj !

Du kvinaj (U-jue) aŭ du okaj (Pa-jue) monatoj en unu jaro ĉiam antaŭsciigas malbonon ; en 1894 estis du kvinaj monatoj kaj la Japan-Ĥina milito ; en 1900 estis du okaj monatoj kaj la milito kontraŭ Eŭropanoj. Tial la Ĥinoj faras iajn ceremoniojn kaj ŝprucas per la sango de koko la plankon kaj la murojn de la Sanktejoj kaj hejmaj preĝejoj kie troviĝas la Tabuletoj de la praavoj.

Analogiaj ceremonioj estis observataj dum 1900a jaro en urbo Cicikaro.

Ĉu ne estos la Ĥinoj pravaj ?

S. POLJANSKY
Ĥabarovsk sur Amur.

20an de Novembro } 1903
3an de Decembro }
15an de Ce-jue, 40a Ĥina jaro.

## La progresoj de la « Delegacio. »

En nia novembra numero (jaro 1902-1903), ni mallonge priskribis la devenon, la celon kaj la malvolviĝon de la « Delegacio por la elekto de Lingvo Internacia. » Tiu organismo, tion jam scias niaj legantoj, celas naski fortan movadon favore por la alpreno de internacia lingvo kaj estigi tiun alprenon per la scienca eminentularo, kiun riprezentas la « Internacia Asociacio de la Akademioj. » Principan Deklaracion oni starigis kaj la propagandantoj de tiu ideo, en ĉiuj flankoj, petas ĉiujn societojn, iamaniere bezonantajn la alprenon de tia lingvo, ke ili volu aliĝi al tiu Deklaracio kaj delegi unu aŭ kelkajn personojn; ĉiuj delegitoj kune estigas la « Delegacion por la elekto de Internacia Lingvo. »

Ni ankaŭ regule konigis la Belgajn Societojn kiuj aliĝis al la Deklaracio sed estas necese kelkafoje sciigi detale pri la akcepto kiun ĝuas tiu ideo ĉe la aliaj landoj kaj tiamaniere montri la ĝeneralan intereson hodiaŭ alligitan al tiu demando kaj kiun nur kelkaj nesciuloj kuraĝas ankoraŭ malkonsenti.

El ĉiuj flankoj de l' mondo, efektive, tre gravaj aliĝoj kuraĝigis la fondintojn de la Delegacio: nune la nomaroj, regule publikigitaj, konigas la aliĝon de preskaŭ 200 societoj, dise troviĝantaj en la plej diversaj landoj sed precipe en la lando kiu alportas plej gravan kunlaboradon en la diskonigado de la L. I.: Franclando. Ni vidas en tiuj nomaroj tre multe da Komercaj Ĉambroj el Franclando, Anglolando, k. c.; sennombrajn sciencajn societojn inter kiuj ni jen transskribas kelkajn senorde elektitajn:

Association Polytechnique (Paris).
Centro nacional de Ingenieros (Buenos-Aires).
Congrès d'Histoire des Sciences (Paris-1900).
Congrès international de l'Enseignement technique (Paris-1900).
Congrès international de Philosophie (Paris-1900).
Congrès international de Sociologie (Paris-1900).
Deutsche graphologische Gesellschaft.
Russischer Sprachverein (München).
Société Astronomique de France.
Multe da « Geografiaj Societoj ».
Société internationale des Electriciens.
Société Mathématique de France.
The Philadelphia commercial Museum.
Associazione Elettrotecnica Italiana.
Centro de Estudiantes de Medicina (Buenos-Aires).
Centro Juridico y de ciencias Sociales (Buenos-Aires).
Cercle physico-mathématique de Poltava (Russie).
Incorporated Medical Practitioners' Association (London).
Sociedad de Ingenieros (Lima, Perou).
Société polytechnique de Saint-Pétersbourg.
Verein Deutscher Ingenieure.

### Les progrès de la « Délégation ».

Dans notre numéro de novembre (année 1902-1903), nous avons exposé brièvement l'origine, le but et le fonctionnement de la « Délégation pour le choix d'une Langue Internationale». Comme nos lecteurs le savent, cet organisme tend à susciter un vaste mouvement en faveur de l'adoption d'une langue internationale et à faire décréter cette adoption par l'élite du monde scientifique, représentée par l' « Association Internationale des Académies ». Une déclaration de principes a été établie et les propagateurs de l'idée, de tous côtés, prient les diverses sociétés, intéressées à un titre quelconque à l'adoption d'une telle langue, de vouloir adhérer à cette Déclaration et de nommer un ou quelques délégués; l'ensemble des délégués constitue la « Délégation pour le choix d'une L. I. »

Nous avons aussi fait connaître régulièrement les sociétés belges ayant adhéré à la Déclaration mais il importe d'insister quelquefois sur l'accueil que reçoit cette idée dans les autres pays et de montrer par là l'intérêt général qui s'attache aujourd'hui à cette question et qu'osent seuls nier encore quelques ignorants.

De toutes les parties du monde, en effet, des adhésions très précieuses sont venues encourager les promoteurs de la Délégation: actuellement les listes, publiées régulièrement, citent l'adhésion de près de 200 sociétés, réparties dans les pays les plus divers, mais surtout dans le pays qui apporte la collaboration la plus importante à l'œuvre de la L. I.: la France. Nous y remarquons de très nombreuses chambres de commerce de France, d'Angleterre, etc.; d'innombrables sociétés scientifiques dont voici quelques-unes, prises au hasard:

(Voir ci-dessus, dans le texte Esperanto).

### De vorderingen van de « Afvaardiging. »

*In ons nummer van November (jaar 1902-1903) hebben wij in 't kort het doel en de werking uitgelegd der « Afvaardiging voor den keus eener wederlandsche taal. » Zooals onze lezers het weten tracht deze inrichting eene groote beweging te doen ontstaan, ten voordeele der aanname eener wederlandsche taal en deze aanname te doen verordenen door het puik der wetenschappelijke wereld, vertegenwoordigd door de « Association Internationale des Académies ». Eene verklaring van grondstelsels is vastgesteld geweest en de verspreiders van het gedacht vragen, langs alle kanten, aan de verschillende maatschappijen, wie de aanname van zoo eene taal eenigszins aangaat, van aan deze Verklaring te willen deelnemen éénen en of eenige afgevaardigden te noemen; het gezamentlijke der afgevaardigden maakt de « Afvaardiging voor den keus eener W. T. » uit.*

*Wij hebben ook regelmatig de Belgische maatschappijen doen kennen, die de Verklaring bijtraden, maar het is noodig dikwijls aan te dringen op het onthaal dat dit gedacht in andere landen ontvangt en van dáár te toonen welk algemeen belang hedendaags aan deze zaak verbonden is, en welke slechts nog eenige onwetenden durven loochenen.*

*Inderdaad, van alle deelen der wereld zijn zeer kostbare bijtredingen de aanleggers der Afvaardiging komen aanmoedigen: tegenwoordig noemen de regelmatig verschijnende lijsten den aanhang van bij de 200 maatschappijen, verspreid in de verschillendste landen, maar vooral in het land dat de belangrijkste medewerking levert aan het werk der W. T.: Frankrijk. Wij bemerken er zeer talrijke koophandelkamers van Frankrijk, Engeland, enz.; ontelbare wetenschappelijke maatschappijen, waarvan eenige, uit den hoop genomen, volgen:*

*(Zie hierboven, in den Esperantischen tekst.)*

Ankoraŭ la Turistaj Societoj de la plimulto de l'Eŭropaj kaj Amerikaj landoj, precipe la Franca Turing-Klub'o, enhavanta preskaŭ 100.000 membrojn ; ankoraŭ multe da pacemulaj societoj, k. c., k. c.

Sed ne estas ĉio : de kelka tempo oni prezentas al la membroj mem de la Akademioj, Universitatoj kaj aliaj Lernejoj de supera instruado petskribon aprobantan la Delegacion kaj rekomendantan ĝin al la Asociacio de la Akademioj. Ĉar tre granda nombro de la subskribantoj estas membroj de la Asociacio, oni senpene komprenas la gravecon de tiu petskribo. Ĉirkaŭe 600 profesoroj, riprezentantaj multe da Akademioj kaj Universitatoj, jam aliĝis : oni tie vidas grandan nombron da plej estimindaj nunaj scienculoj. Oni plie volu rimarki ke la nesubskribintoj ne certe estas kontraŭuloj de la Delegacio sed plej ofte ne ankoraŭ subskribis ĉar ili ne konas ankoraŭ la petskribon. En Belglando, la « Reĝa Belga Akademio » estas riprezentata ĝis nun de 15 membroj, la Universitato de Gento de kvardeko da profesoroj, la Universitatoj Brusela kaj Lieĝa kaj la Lernejo de la Minoj (Mons) de granda nombro da siaj profesoroj.

La gravaj sciencaj organismoj ankaŭ partoprenis en la movado. Ni citu faktojn : antaŭ kelka tempo, la Imperia Akademio de Sciencoj en Vieno komisiis unu el siaj membroj, S^on^ profesoron Hugo Schuchardt el Graz « por atenti al la movado celanta la kreon de artefarita helpanta lingvo internacia kaj por raporti al ĝi pri tio ». S^ro^ Schuchardt ĵus konigis, antaŭ mallonga tempo, sian raporton tute favoran je la Lingvo artefarita kaj la Delegacio. Tiun gravan dokumenton oni trance tradukis ; jen kelkaj fragmentoj el ĝi : « Nur per centra aŭtoritato la movado koncernanta komunan lingvon povos alveni al la sukceso ».. « Mi esperas ke mi ne transpaŝos mian komision de raportanto aldirante ke la Akademioj mem havas intereson por ekkapti la oportunan momenton por direkti kaj konduki al la celo movadon kiu, tre verŝajne, ne estos repuŝata kaj kiu fine sin altrudos al la sciencaj interrilatoj ».

La « Reĝa Scienca Akademio » en Amsterdam neoficiale sciigis ke ĝi aprobas la programon de la Delegacio kaj estas preta voĉdoni favore por la principo de Helpanta Internacia Lingvo, en la tago kiam tiun demandon oni pridisputos en la « Internacia Asociacio de la Akademioj » (Tion oni decidis en junio 1903 dum ĝenerala kunveno laŭ la raporto de komissiitaro konsistanta el S^oj^ profesoroj Kern, Speyer, Van den Sande, Bakhuyzen kaj Van der Waals, ĝenerala sekretario de la Akademio).

---

Encore les Sociétés de Touristes de la plupart des pays d'Europe et d'Amérique, notamment le Touring-Club Français, comptant près de 100.000 membres ; encore de nombreuses sociétés de pacifistes, etc., etc.

Mais ce n'est pas tout : depuis quelque temps circule parmi les membres mêmes des Académies, Universités et autres établissements d'enseignement supérieur une pétition approuvant l'œuvre de la Délégation et la recommandant à l'Association Internationale des Académies. Comme un très grand nombre de signataires font partie de cette Association, on conçoit sans peine l'importance de cette pétition. Près de 600 professeurs, représentant beaucoup d'Académies et Universités, ont déjà adhéré : on y remarque un grand nombre de noms des plus autorisés dans la science moderne. Que l'on veuille bien remarquer, au surplus, que le fait de n'avoir point encore adhéré ne dénote pas une opposition au programme de la Délégation mais a le plus souvent pour cause l'ignorance même de l'existence de la pétition. En Belgique, l' « Académie Royale de Belgique » est représentée jusqu'ici par 15 de ses membres, l'Université de Gand par une quarantaine de professeurs, les Universités de Bruxelles et de Liége et l'Ecole des Mines de Mons par un grand nombre de leurs professeurs.

Les grands corps scientifiques ne sont pas restés étrangers au mouvement. Citons des faits : il y a quelque temps, l' « Académie impériale des Sciences de Vienne » a chargé un de ses membres, M. le professeur Hugo Schuchardt, de Graz, « de suivre le mouvement tendant à la création d'une Langue Auxiliaire Internationale artificielle, et de lui en rendre compte ». M. Schuchardt vient de déposer, il y a peu de temps, son rapport entièrement favorable à la cause de la Langue Artificielle et de la Délégation. Ce document important a été traduit aussitôt en français ; en voici quelques passages. « Ce n'est que par une autorité centrale que le mouvement relatif à une langue commune peut être mené à bonne fin »..... « J'espère ne pas outrepasser mon mandat de rapporteur en ajoutant qu'il est de l'intérêt des Académies elles-mêmes de saisir le moment favorable pour diriger et conduire au but un mouvement qui, selon toute apparence, ne se laissera pas refouler et qui s'imposera, à la longue, même aux relations scientifiques. »

L' « Académie Royale des Sciences d'Amsterdam » a fait savoir officieusement qu'elle approuve le programme de la Délégation et qu'elle est disposée à voter pour le principe d'une Langue Auxiliaire Internationale, le jour où la question sera portée devant l' « Association Internationale des Académies ». (Décision prise en juin 1903, en Assemblée générale, sur le rapport d'une Commission composée de MM. les professeurs Kern, Speyer, Van de Sande, Bakhuyzen et Van der Waals, secrétaire général de l'Académie).

*Ook de maatschappijen van Touristen van het meerendeel der Europeesche landen, namelijk de Fransche Touringclub, tellende bijna 100.000 leden ; nog talrijke maatschappijen van vredelievenden, enz., enz.*

*Maar 't is niet alles : sedert eenigen tijd loopt onder de leden zelven der Akademiën, Hoogescholen en andere hoogere onderwijsgestichten een verzoekschrift, het werk der Afvaardiging goedkeurende en het aanbevelende aan de « Association Internationale des Académies. » Gelijk een groot getal der ondergeteekenden van deze « Association » deelmaken, vat men zonder moeite het belang van dit verzoekschrift. Bij de 600 leeraars, vertegenwoordigende veel Akademiën en Hoogescholen, zijn reeds bijgetreden : men bemerkt er een groot getal van de beroemdste namen der hedendaagsche wetenschap. Men wille, daarenboven, nog aanmerken, dat het feit van nog niet deelgenomen te hebben geene tegenstelling bewijst aan het programma der Afvaardiging, maar meest voor oorzaak heeft de onwetendheid van het bestaan zelf van het verzoekschrift. In België is de « Koninklijke Akademie van België » tot hiertoe vertegenwoordigd door 15 harer leden, de Hoogeschool van Gent door een veertigtal leeraars, de Hoogescholen van Brussel en van Luik, en de Mijnschool van Bergen door een groot getal hunner leeraars.*

*De groote wetenschappelijke inrichtingen zijn aan de beweging niet vreemd gebleven. Noemen wij daadzaken : Over eenigen tijd heeft de « Keizerlijke Akademie der wetenschappen van Weenen » een zijner leden, M. den leeraar Hugo Schuchardt, van Graz, gelast « de beweging, strekkende tot het maken eener wederlandsche kunstmatige hulptaal, te volgen, en er haar verslag over te geven. » M. Schuchardt komt over weinigen tijd zijn verslag in te dienen, gansch ten voordeele der zaak van de kunstmatige taal en van de Afvaardiging. Dit belangrijk stuk is aanstonds in het Fransch vertaald geweest ; ziehier eenige uittreksels ervan : « Het is slechts door een middengezag dat de beweging aangaande eene gemeene taal tot een goed einde kan geleid worden »... « Ik hoop mijn verslaggeversambt niet te buiten te gaan, als ik bijvoeg dat het in het belang der Akademiën zelven is, het voordeelig oogenblik te vatten om tot het doel te besturen en te geleiden, eene beweging die, naar alle waarschijnlijkheid, zich niet zal laten achteruitstooten en die zich, ten langen laatste, zelf aan de wetenschappelijke betrekkingen zal opdringen. »*

*De « Koninklijke Akademie der Wetenschappen van Amsterdam » heeft officieus laten weten, dat zij het programma der Afvaardiging goedkeurt en dat zij gereed is te stemmen voor het grondbeginsel eener Wederlandsche Hulptaal, op den dag dat de kwestie zal gebracht worden vóór de « Association Internationale des Académies. » (Beslissing genomen in Juni 1903, in Algemeene vergadering, op het verslag eener komissie, samengesteld uit de HH. leeraars Kern, Speyer, Van de Sande, Bakhuyzen en Van der Waals, algemeene sekretaris der Akademie).*

Ĉe la « Reĝa Belga Akademio », oni jam konas la komunikaĵon kiun faris S[ro] Generalo De Tilly ĉe la Klaso de Sciencoj, la 4[an] de julio 1903, kiel delegito de la Akademio al la komitato de la « Internacia Asociacio de la Akademioj » (vidu nian decembran numeron, jaro 1903-1904), kaj en kiu li malvolvis la utilecon de helpanta lingvo por internaciaj kunsidoj de scienculoj kiel tiuj de la Asociacio. Dum la kunveno de l' 9[a] de Januaro 1904, S[ro] De Tilly, prezentante al la Akademio la « Historion de la lingvo universala » de S[oj] Couturat kaj Leau, resumis la programon de la Delegacio kaj konkludis per la jenaj vortoj :

« La movado favora por internacia helpanta lingvo estas hodiaŭ tiel bone organizita kaj direktata ke nenio povos plu ĝin haltigi kaj ĝin forigi de la celo. La lingvo internacia fariĝos ; sed ĝi povas fariĝi kun aŭ sen la apogo de la Akademioj. Certe estas dezirinde por la scienco kaj la Akademioj mem ke ili donu al tiu kreo sian rajtan kunlaboradon. Ilia honoro estas iamaniere alligita al tio ».

Ĉe la kunsido de l' 6[a] februaro 1904, la demando estis denove priparolata ĉe la Klaso de Sciencoj, kiu unuvoĉe akceptis la jenan deziron : « La Klaso de Sciencoj eldiras la deziron ke unu lingvo estu universale akceptita, ne forigante la vivajn aŭ senvivajn lingvojn. »

Oni do vidas ke la demando pri la Lingvo Internacia en ĉiuj, eĉ plej malfavoraj flankoj, faras tre rapidajn progresojn ; la tuta mondo kortuŝiĝas pensante pri ĝia baldaŭa alpreno kaj post nelonge alvenos la horo kiam la modestaj, hieraŭ tiel mokitaj laborantoj fariĝos bonfarantoj de la homaro.

MAURICE SEYNAEVE.

## Tra la mondo Esperantista.

La plimulto el la Esperantistaj ĵurnaloj enpresas la tutan leteron de D[ro] Zamenhof adresitan al nia kunlaboranto M. Seynaeve. kaj ili rapidas aprobi ĉiujn konkludojn prezentitajn tiel prave de nia eminenta majstro. Tiu unuvoĉa akcepto estas antaŭvidita ĉar tiu, kiu ne volas kompreni ke unueco pri direktado estas necesega, ne estas inda sin kalkuli inter la Esperantistoj. Pri efektivigo de la programo priskribita de la Doktoro, la konkludo eltirita el tio, kio estas presita, tiu ĉi estas : Ni laboru por atingi tiun celon kaj pacience ni atendu.

A l' « Académie Royale de Belgique », on connaît déjà la communication que M. le général De Tilly a faite à la Classe des Sciences, le 4 juillet 1903, comme délégué de l'Académie au comité de l' « Association Internationale des Académies », (voir notre numéro de décembre 1903-1904), et où il exposait l'utilité d'une langue auxiliaire pour des réunions internationales de savants comme sont les assemblées de l'Association. Dans la séance du 9 janvier 1904, M. De Tilly, présentant à l'Académie l' « *Histoire de la Langue Universelle* » de MM. Couturat et Leau, résumait le programme de la Délégation et concluait en ces termes : « *Le mouvement en faveur d'une langue auxiliaire internationale est aujourd'hui si bien organisé et dirigé que rien ne pourra plus l'arrêter ni le faire dévier du but. La langue internationale se fera ; mais elle peut se faire avec l'appui des Académies ou sans cet appui. Il est évidemment désirable, dans l'intérêt de la science et des Académies elles-mêmes, qu'elles prennent à cette création la part qui leur revient. Leur honneur y est en quelque sorte engagé* ». Dans la séance du 6 février 1904, la question est revenue en discussion devant la Classe des Sciences, qui a voté *à l'unanimité* le vœu suivant : « La Classe des Sciences émet le vœu de voir une langue universellement adoptée, sans exclure les langues mortes ou vivantes ».

On le voit donc, la question de la Langue Internationale fait dans tous les domaines, même les plus rebelles, des progrès excessivement rapides ; le monde entier s'émeut à l'idée de son adoption prochaine et bientôt sonnera l'heure où les modestes travailleurs tant ridiculisés d'hier prendront rang parmi les bienfaiteurs de l'humanité.

MAURICE SEYNAEVE.

### A travers le monde Espérantiste.

La plupart des journaux Espérantistes reproduisent en entier la lettre du docteur Zamenhof à notre collaborateur M. Seynaeve et ils s'empressent d'approuver toutes les conclusions présentées d'une façon si raisonnée par notre éminent maître. Cette unanimité était à prévoir, car celui qui ne veut pas comprendre que l'unité de direction est indispensable, n'est pas digne de se trouver parmi les Espérantistes. Quant à la réalisation du programme tracé par le Docteur, la conclusion de tout ce qui a été dit est celle-ci : Travaillons dans ce but et attendons patiemment.

*In de « Koninklijke Akademie van België » kent men reeds de mededeeling welke M. de generaal De Tilly gedaan heeft aan de Klas der Wetenschappen, op 4[en] Juli 1903, als afgevaardigde der Akademie, aan het bestuur der « Association Internationale des Académies, » (zie ons nummer van December 1903-1904) en waarin hij het nut voorstelde eener hulptaal voor wederlandsche bijeenkomsten van geleerden zooals zijn de vergaderingen der « Association. » In de zitting van den 9[en] Januari 1904, biedende aan de Akademie de « Histoire de la Langue Universelle » der HH. Couturat en Leau, beknopte M. De Tilly het programma der Afvaardiging en besloot met deze woorden :* « De beweging ten voordeele eener wederlandsche hulptaal is tegenwoordig zoowel ingericht en bestuurd dat niets haar nog zal kunnen tegenhouden, noch doen wegdwalen van haar doel. De wederlandsche taal zal komen ; maar zij kan komen met den steun der Akademiën of zonder dezen steun. Het is natuurlijk wenschelijk, in het belang der wetenschap en der Akademiën zelven, dat zij aan deze schepping het deel nemen dat hun toekomt. Hunne eer is er op zekere wijze mede verbonden. » *In de zitting van 6[en] Februari 1904 is de kwestie terug in bespreking gekomen vóór de Klas der Wetenschappen, die met algemeenheid den volgenden wensch gestemd heeft : « De Klas der Wetenschappen drukt den wensch uit eene algemeen aangenomene taal te zien, zonder de doode of levende talen uit te stuiten. »*

*Men ziet het dus : de zaak der Wederlandsche taal doet in alle vakken, zelfs de weerbarigste, ongelooflijk rappe vorderingen ; de gansche wereld roert op het gedacht van hare aanstaande aanname en weldra zal het uur slaan waarop de zoo belachelijk gemaakte nederige werkers van gisteren, zullen plaats nemen onder de weldoeners der menschheid.*

Vertaald door A.-J. WITTERYCK.

### Dwars door de Esperantische wereld.

*Het meerendeel der Esperantische bladen schrijven in zijn geheel den brief over van Doktoor Zamenhof aan onzen medewerker M. Seynaeve en zij haasten zich alle de besluiten, op eene zoo beredeneerde wijze door onzen grooten meester voorgesteld, goed te keuren. Deze algemeenheid was te voorzien, want deze die niet wil verstaan dat de eenheid van bestuur onontbeerlijk is, is niet weerdig zich onder de Esperantisten te bevinden. Wat aangaat het programma door den Doktoor dáárgesteld, het besluit van al wat gezegd is geweest, is dit : Laat ons werken met dit doel en geduldig wachten.*

